

# Boletín

Nº 347 septembro/oktobro 2000



Homoj kun medolo en la ostoj

Asociación de utilidad pública

FEDERACIÓN ESPAÑOLA DE ESPERANTO
HISPANA ESPERANTO-FEDERACIO

# Boletín

BULTENO DE HISPANA ESPERANTO-FEDERACIO
Aperanta de 1949

Ĉefredaktoro: Miguel Gutiérrez Adúriz; Los Coteros 1-C, 2-I; ES-39600 Muriedas; Cantabria; liven@nexo.es



*Noto: Pri la enhavo de la artikoloj respondecas la respektivaj aŭtoroj. La redaktisto rajtas rifuzi ne petitajn artikolojn.*

**Hispana Esperanto-Federacio**

**Rodríguez San Pedro 13, 3º, 7;**
**ES-28015 Madrid;**
**Tel.+faksilo: +34.(9)1.446.80.79**
**Konto en Caja Postal:**
**0182-2552-61-0204011.961**
**admin@esperanto-es.org**
**www.esperanto-es.org**



## Enhavo

# Kelkaj konsideroj pri la publika prezentado de Esperanto

Kiel jam menciite en la artikolo "Nova sukceso de esperanto en Expolingua", la publika prezentado de esperanto ne estis io improvizita.

Jam de pluraj jaroj, la deĵoranta skipo ĉe la HEF-ejo, kunsidas regule por analizi kaj skizi strategion celantan la sukceson de publika aperigo de la lingvo kaj de la asocio. Estis multaj proponoj, debatoj, diskutoj, kaj finaj decidoj pri plej diversaj temoj, kiel la maniero respondi difinitajn demandojn, kiel sinteni antaŭpublike, kiuj —pro siaj ecoj— prefere respondecu pri alparolo al publiko, kiaj estu la informiloj kaj ties enhavo, ktp.

El tiom da laboro, ni alvenis al jenaj konkludoj kiuj eble estos utilaj al samideanoj same laborantaj pri informado en lokaj grupoj. Per ili ni intencas konsciigi pri la graveco de taŭga antaŭpublika apero kaj iom rakonti pri nia dujara sperto en lingvo-foiro.

Jen skizite la ĉefaj trajtoj de konvena informado en tiaj eventoj kiaj Expolingua:

— Kunsidi, kunsidi kaj kunsidi: jen la kleo. Oni ne lasu respondecon pri informado al ununura homo. Estiĝas pli da ideoj en komuna debatado kaj pli facile rimarkeblas eraroj. Foje kunsidoj estas pezaj, tempoprenaj, kaj ŝajnas ke oni alvenas al neniu konkludo, tamen ju pli da kunsidado, des pli da laborefikeco kaj da kutimo skipe labori, kio finfine faros teaman laboron pli facila. Nepras zorga antaŭpreparo de la tuta afero.

— Notu ĉion: planojn kaj ideojn, rezultojn kaj taksojn de rezultoj. Tio ne notita estas pli facile forgesebla. Estu realismaj en viaj projektoj kaj memkritikaj en viaj atingoj.

— Via asocio montriĝu taŭga kaj kongrua kun la nuntempo. Konkurenco estas granda en tia etoso por kapti la atenton de publiko.

— Ni ne aperu kiel stranguloj kuj penas nepre konvinki ĉiujn. Ankaŭ ni evitu sintrudemon ĉar ĝi estos finfine kontraŭefika. Aparte evitenda estas doni la impreson ke via asocio estas nura rondo de amikaj konatoj.

— Kio gravas estas la lingvo. Ni forgesu, almenaŭ pormomente, aliajn aspektojn de la movado. Se homoj interesiĝas sufiĉe, volos pli detale informiĝi pri historio, movado, ktp. Se ne, ili retenu la ideon ke esperanto estas vivanta lingvo, je la sama nivelo kiel la ceteraj. Por tio ne

hezitu montri allogajn librojn, kvalite eldonitajn, eĉ se enhave estas pli interesaj aliaj malpli buntaj. Ne gravas. Ĉar ili ne komprenas la lingvon, kio restos en ilia menso estas la bildo de bela eldonaĵo. Ĉi tio same utilas por videoj kaj k-diskoj.

— Pretigu kvalitajn imformilojn kaj donu la informojn poiome. Por la unua kontakto, sufiĉas skiza priskribo de la lingvo kaj ties utilo. Se ili estas destinitaj ĉefe al junuloj, ne forgesu mencii Pasportan Servon. Sekvaj informiloj estu pli detalaj, sed ĝiaj aspektoj plu estu allogaj kaj facile legeblaj. Tro profiti la paperon kaj meti la tutan gramatikon, krom historion de la movado kaj vivon de Zamenhof, rezultigas malinformilon: neniu legos tion, unue ĉar pro tiom densa teskto la litermezuro certe estos tre malgranda; kaj due, ĉar tio postulas tro da koncentriĝo kaj tio ne eblas dum la vizito al foiro. Ni ne estu tiom naivaj pensi ke homoj legos hejme ĉion kion ili kolektis dum vizitado.

— Elektu la plej taŭgajn homojn por deĵori ĉe la stando. Konsciu pri tio, ke tia deĵorado estas nek premio, nek festo aŭ ludo, sed serioza laboro. Ĉies kunlaboro estas bezonata por ke asocio plufunkciu, sed ni devas konscii pri niaj propraj kapabloj; same kiel ne ĉiuj povas instrui, verki vortaron aŭ kontotenadi, ankaŭ ne ĉiuj povas adekvate informi la publikon. Deĵorantoj estu laŭeble junaj, simpatiaj kaj vervaj, sed ili estu nepre kunsidintaj en la preparo de la tuta afero por koni la strategion planatan de la asocio. Juneco per si mem ne estas garantio de sukcesa agado.

— Tio dirita antaŭe same validas por eventualaj informoj al ĵurnalistoj.

— Estas grave ankaŭ ke nur deĵorantoj (preparintaj kaj prepariĝintaj) informu la publikon. Foje okazas ke pro troa entuziasmo, spontanaj samideanoj vizitas la standon kaj enmiksiĝas en konversacio, jen korektante la deĵoranton, jen alparolante la interesiton en esperanto, jen laŭ ajna alia maniero. Eĉ se la deĵoranto ne diras la tuton direblan (pri tio mi jam klarigis en antaŭa punkto), estas pli bone ke la publiko ricevu la impreson ke oni agas profesie. Tion, bedaŭrinde, fuŝas homoj kiuj tiel kondutas. Ĉe neniu alia stando la publiko informas la publikon, kio povus ja ŝoki kelkajn interesitojn.

— Samideanoj vizitantaj tiajn foirojn estas petataj ne tro longe stari antaŭ la budo, ĉefe se ili estas akompanata de aliaj, ĉar la spaco estas kutime malgranda kaj amasiĝo de homoj malpermesas la aliron de novaj interesitoj. Finfine ni jam estas konvinkitaj de la taŭgeco de esperanto kaj ne bezonas informiĝi. Ni lasu la nekonantojn konatiĝi kun ĝi.

Ana Manero

## La kovrilo

Lluis M. Hernández Izal ricevas de Luis Serrano Pérez memoraĵon okaze de la 4a tago de la Hispana E-Muzeo.

## Atentu

Pro la kunfandiĝo de Argentaria kaj BBV, ŝanĝiĝis la konto-numero de HEF al: **0182-2552-61-0204011961**

# Estrarkunsido

La dimanĉon, 22an de oktobro, je la 10a matene la estraro de HEF kunsidos en la oficejo de la Asocio. Inter aliaj temoj oni parolos pri la kongreso en San Javier la venontan jaron, la partopreno en Expolingua, propono por la kongreso de la jaro 2002, kaj kompreneble... pri financoj kaj buĝeto.

Manolo Parra

---

# Laborkunsido

Sabaton, 00:09:23:10:00, okazos en la CO de HEF la unua kunsido por difini la organizadon de nia partopreno en Expolingua 2001.

La Asocio jam kalkulas kun la kutimaj helpantoj, sed ĝi lanĉas alvokon al novaj eventualaj kunlaborantoj kiuj ŝatus aktive partopreni ĉi kampe.

Ĉies fortoj estas bezonataj, sed oni devas sekvi difinitan planon, difinitan strategion por ke la afero disvolviĝu kiel eble plej profesie kaj fruktodone. Eĉ se ni mem ne fakas pri la afero. Tial do montriĝas aparte gravaj tiaj kunsidoj. Nur homoj preparintaj kaj prepariĝintaj devas informi la publikon en la stando.

Bonvolu sciigi vian pretecon deĵori en la stando kaj regule ĉeesti la kunsidojn. Vidu ke unu afero nepre implicas la alian.

Ĉi jare estos pluraj debatindaj novaĵoj. Bonvenaj estos do ĉiaspecaj proponoj kaj sugestoj.

Ana Manero



# Forlasis nin

La ĉijaran 7an de julio forpasis César de Mosteyrín Castillo, dumviva membro de HEF, kaŭze de subita cerba trombozo. Li aĝis 88 jarojn.

Ekde 1986 ĝis preskaŭ sia morto-tago li senlace instruadis la lingvon esperanto en la urbeto Segovia, kie nun restas loka grupo daŭriganta la esperantistan agadon.

La internacian lingvon César ekkonis dum unu el siaj vojaĝoj, oftaj post la emeritiĝo. Precize tio okazis en Usono, kie li hazarde renkontis homojn vojaĝantajn per buso al Universala Kongreso en Kanado. Reveninte, li tuj serĉis la kocernan klubon en Madrid, aĉetis lernolibron, memlernis la lingvon kaj entuziasme proponis senpagajn klasojn al siaj kompanoj de montara klubo.

Laŭlonge de la jaroj, eble li havis centon da lernantoj, el kiuj la plejmulto baldaŭ perdis sian intereson. Aliaj, tamen, prenis kaj plu prenas el ĉi unika lingvo grandan kulturan kaj spiritan profiton, danke al la siatempa iniciato de César.

Cetere, li malavare kontribuis al la kapitalo de Fundación Esperanto.

Al la vidvino, sinjorino Vicenta, nian plej sinceran kondolencon.

Manolo Parra



# Fundación Esperanto

La havaĵoj de la Fondaĵo Esperanto komence de la jaro 2000a estis 13.913.064 Ptoj (83.619,20 eŭroj). Ĉi tiu kapitalo leĝdevige devas resti ne-tuŝata. Por atingi niajn statutajn celojn, ni rajtas elspezi nur 70% el la interezoj de tiu mon-sumo. Ĉiu-jare la bankoj malpliigas la interezojn de la mon-deponoj de siaj klientoj, tial ni devas agnoski ke ĉiu-jare ni trovas pliajn malfacilaĵojn por atingi la necesajn mon-rimedojn por plenumi niajn celojn, t.e. helpi la disvastigon de la internacia lingvo Esperanto en Hispanio. Krome, oni devas averti ke la duono de tiu mon-kvanto ne estas fizika mono, sed reale ĝi estas la sidejo kiun la Fondaĵo Esperanto aĉetis kune kun la Esperantista Societo "Frateco" en Zaragozo. Malgraŭ tio, jam la pasinta jaro ni disponigis 350.000 ptojn (2.103,54 eŭroj) por apogi projektojn de la hispana esperantistaro.

En la pasinta numero de *Boletín*, ni jam ekinformis pri la realigendaj projektoj de la Fondaĵo Esperanto dum la kuranta jaro 2000. Ĉi-numere ni pliigos tiujn informojn.

a) La Fondaĵo Esperanto kunvokos konkurson por premii la plej bonajn ideojn por disvastigi Esperanton, kaj naci-nivele kaj lok-nivele. Pri la regularo de ĉi tiu konkurso kaj pri la premioj asignotaj ni konkrete informos en la venonta numero de ĉi tiu bulteno.

b) La Fondaĵo Esperanto dediĉos ĉi-jare 100.000 ptojn por eldoni, kun-eldoni aŭ premii la eldonadon de libro kiu temos pri Esperanto aŭ kies lingvo estos Esperanto.

c) La Fondaĵo Esperanto dediĉos ĉi-jare fonduson de 100.000 ptoj por helpi la asociojn aŭ federaciojn kiuj prezentis nian internacian lingvon ĉe ekspozicioj aŭ foiroj por propagandi ĝin. Do, ni invitas al tiuj asocioj kiuj partoprenis en tiaj foiroj sendi al ni malgrandan raporton pri tiu partopreno por atingi ĉi tiun subvencion.

ĉ) Kiel ni jam antaŭdiris pasintnumere ĉi-jare la Fondaĵo Esperanto deziras mon-apogi la hispanajn grupojn kiuj sukcesis enirigi la instruadon de Esperanto en la Universitato. Tial, ni deziras dividi specialan fonduson de 150.000 ptoj. inter tiuj grupoj kiuj respondas pri la organizado de E-kurso kun oficiala akademia valoro en iu hispana Universitato. Do, ree ni ankaŭ invitas tiujn grupojn sendi al ni informon pri la kurso por apogi la peton de la subvencio.

d) Fine, ni provos starigi dum la venonta kurso 2000-01 stipendion kiu permesos hispanan studenton sekvi la kurson pri Esperanto kaj Interlingvistiko en la Universitato Adam Mickiewicz de Poznan en Pollando. Bedaŭrinde, pro manko de

**Korekto**: la nova zaragoza patrono de la fondaĵo ne nomiĝas "José Antonio", kiel oni erare asertis en Boletín 346, sed "Lorenzo" Noguero. Fruktodonan laboron al li!



# Niaj Grupoj kaj Asocioj

## Andaluzio

Kiel anoncite en la pasinta numero de Boletín, Andaluzia Esperanto-Unuiĝo, kunlabore kun Esperanta Jura Asocio, eldonis la 4an numeron de Jura Tribuno Internacia, oficiala organo de EJA. Ĉi-foje la revuo aperis en du volumoj, entute 76 paĝoj. La revuon prezentis S-ano Kep Enderby, Prezidanto de UEA kaj de EJA, en Tel-Avivo (Israelo) dum la renkontiĝo de la jurista esperantistaro kiu ĉiujare okazas koincide kun la Universala Kongreso. La redakcio de la revuo deziras aperigi ĝin ekde nun dufoje en la jaro.

Se Vi estas hispana esperantisto kaj fakas aŭ ŝatas lanjuran mondon, ni invitas vin legi, kunlabori kaj eĉ aliĝi al Esperanta Jura Asocio. Pliajn informojn petu ĉe jena adreso: José María Rodríguez Hernández; Apartado 3142; ES-14080 Córdoba; juratribuno@esperanto.nu

## Asturio

* Ankoraŭ venas eĥoj pri la forpaso de nia kara samideano Nicolás Muñiz. Jen bela artikolo pri li fare de E. J. Enrique en El Bollo, jen poemo de A.C. Remembranza (Rememoro). Cetere jam aperis la 24a numero de Antaŭen, la bulteno de la Avilesa asocio.

*M. Zocato*



Aitor en blanka jerzo apud Atxaga

## Eŭskio

* La fama eŭska verkisto, kaj elstara esperantisto, Aitor Arana ĵus tradukis al la eŭska la verkon "El la vivo de bervala sentaŭgulo", kies aŭtoro estas Louis Beaucaire. La traduko estis farita rekte el la esperanta originalo.



* La nobel-premiito kaj aktiva esperantisto, Reinhard Selten, alvenis Bilbaon por partopreni la unuan tutmondan kongreson pri lud-teorio, kiun oni okazigis

en la Fakultato pri Ekonomikaj Sciencoj, de la 24a ĝis la 27a de julio.

* La 6an de Septembro, Jesús M. García kaj Eduardo Larrouy estis intervjuataj ĉe la loka televidstacio "Bilbo Vision". Krom paroli pri Esperanto kaj ĝia historio en Bilbao, ili havis la eblecon ankaŭ propagandi la novajn kursojn.





* Kiel anoncite, la vendredon 30an de junio ni okazigis modestan festeton ĉe nia grupejo okaze de la fino de la kurso 1999/2000. Malgraŭ ke dum ĝi ni ne kapablis altiri novajn gelernantojn kaj, sekve, ne eblis organizi elementan kurson de Esperanto, la kunvoko ebligis kunsidon de niaj asocianoj; ĉirkaŭ tablo plenplena de diversaj manĝaĵoj kaj trinkaĵoj alportitaj de la ĉeestantoj, vigle ili babilis kaj adiaŭis ĝis la reveno, post la somerferiado.

* Bilbaoanoj partoprenis diversajn E-aranĝojn dum la somero. Ekzemple, du el





ili partoprenis la 2an mediteranean E-semajnon en Valencio.

* Same kiel ĉiujare, jam pretas la kvitancoj, plene esperantlingvaj, de la E-Grupo de Bilbao por ludi la hispanan kristnaskan loterion. Ĉiu kvitanco kostas 300 ptojn kaj oni ludas 250 ptojn. Petantoj, kiuj dezirus ilin ricevi per poŝto, devos aldoni 300 ptojn pro la sendokostoj.

J. Miguel García Iturrioz

# Kanariaj Insuloj

La Universitato de La Laguna ofertas por la venonta akademia jaro 2000-2001 liberelektan seminarion "Enkonduko al Esperanto kaj ties kulturo". La direktoro de la kurso estas Prof. Alejandro López de Vergara Méndez kaj ĝin subtenas la Fakultato de Filologio. Ĝi komenciĝos en la

venonta februaro kaj valoros tri akademiajn kreditojn. Tial do ĝi daŭros tridek instru-horojn. La kurson apogos ESTO per kelkaj prelegontoj kiuj pritraktos diversajn temojn de la esperanta kulturo. La rilatoj inter Esperanto kaj la Universitato de La Laguna komenciĝis en la jaro 1947 kiam Prof. Régulo gvidis la unuan liberan esperanto-kurson en la antikva Fakultato de Filologio kaj Belletroj de ĉi tiu universitato. Pliajn informojn ĉerpu el la retpaĝo: www.ull.es/docencia/ofertadocente/credit/filologia/index.htm

*Prof. Leandro Trujillo*

**Konto de HEF**

**Caja Postal:**

**0182-2552-61-0204011.961**




# Kantabrio

La 22an de septembro Kantabra E-Asocio komencis sian agadon post la somera paŭzo, dum kiu pluraj membroj de la asocio partoprenis en diversaj esperantaj kongresoj kaj kulturaj aranĝoj.

La asocio proponas jam kristnaskan loterion. Ĉi jare la numero estas 6887. Ĉiu bileto kostas 300 pesetojn, sed oni partoprenas la lotadon per 250.

*J.A. Madrazo*

# Kastilio kaj Leono

* Aperis la 192a informilo de la grupo Fido kaj Espero, kiu ekde oktobro denove aranĝos siajn kutimajn kunvenojn en Centro Cívico El Campillo, ĵaŭde de 20:15 gis 21:15 kun la celo praktiki la lingvon.

*Luis Hernández*

# Katalunio

* Aperis la 31a numero (dua epoko) de la KAE-bulteno kun densa enhavo kaj urĝa alvoko: Pagota oficisto serĉata!

* BEC, kiu preparas la komencon de siaj novaj kursoj, aperigis la 107an numeron de sia Ĝenerala Informilo.

* Okazis en la BEC-sidejo la prezento de la korea versio de la verko de Giordano Moya "Esperanto en prospektivo". En la prezento-festo leviĝis la demando traduki la libron en la hispanan. Responde... estiĝis laborgrupo por plenumi la taskon.

Cetere, Korea E-Asocio petis la partoprenon de Giordano Moya, kaj de diverslandaj e-istoj, en esearo eldonota sub la titolo "Esperanto en la 21a jarcento". La invito, komprenebIe, estas akceptita. La libron oni planas prezenti kadre de la UK 2001 en Zagrebo.

* Kiam vi legas ĉi liniojn jam okazis la 8a Internacia E-Semajno de la Kulturo kaj Turismo (00.09.30) en Blanes. Pri ĝi vi certe legos en la venonta numero de Boletín.

# Madrido

* Madrida E-Liceo organizis kurson kiu daŭros 8 semanjnojn kaj komenciĝos la 3an de oktobro. Ĝi okazos en la HEF-sidejo marde kaj ĵaŭde de 20:30 ĝis 20:00. La kosto estas 5000 ptojn kaj junuloj kun junulkarto ĝuos 10 elcentan rabaton.

* La bulteno de MEL, Nia Voĉo, legeblas senpage en la retpaĝoj de AEU: "www.ciudadfutura.com/esperanto"

*Lupe Sanz*

# Murcio

Ĵus aperris la 47a numero de Kajeroj el la Sudo, kiun oni povos baldaŭ legi en ĝia kutima paĝo de Interreto. Kompreneble, ankaŭ eblas aboni la surpaperan version, kiu estas la sola maniero subteni la revuon.

*Jesús de las Heras*

# Tutlande

* En la revuo EPOCA, n-ro 793 de la monato majo, ene de la rubriko "Crónica Semanal del Mundo" (Semajna Monda Kroniko), aperas informo kun la titolo "Esperanto en la UE". La informo parolas pri la 4a Kongreso de Eŭropa Esperanto-Unio ĵus okazinta en Ostendo (Belgio), kiun partoprenis 250 geesperantistoj kaj kies ĉefa temo estis la ebla uzo de Esperanto fare de la institucioj de la Eŭopa Unio. La revuo mencias la fakton ke nuntempe ekzistas 11 oficialaj lingvoj ĉe EU, kaj ĉi tiu nombro sendube pliiĝos almenaŭ ĝis 20 lingvoj kiam novaj ŝtatoj eniros en la Eŭropan Union. Rimarkindas, ĉar ne-normala, la fakto ke hispana revuo parolas serioze kaj respekto-plene pri renkontiĝo de geesperantistoj.

*José María Rodríguez*

* Lexicón Sopena troviĝas inter la libroj ofertitaj de la virtuala librobutiko kreita de ĵurnalo "El Mundo". Por aliri ĝin, vizitu: — http://www.elmundolibro.com —, elektu en la serĉilo: ISBN (identecnumero de la libro), tajpu: 8430301488. Tuj aperos la titolo, prezo, ktp.

Cetere, se oni klikas sur la titolo de la libro, aperos kompleta priskribo, eĉ foto de la kovrilo. Kompreneble, oni ne estas devigata aĉeti ĝin.

*Darío Rodríguez*

# Valencio

* La valencia folklora ensemblo "Aragón", kiu prezentas ĉefe folkloron el la Aragono, sed ankaŭ el Valencio kaj el aliaj hispanaj regionoj, atingis la Ĉefpremion okaze de la "20a Internacia Renkontiĝo de Popolorkestroj", okazinta en la historia pola urbo Torun, ekde la 9a ĝis la 11 de junio 2000, en konkurenco kun plej elstaraj eŭropaj ensembloj, kaj kun aliaj alvenintaj el lokoj tiel foraj kiel Dagestano kaj Siberio. Ĝin organizis la "Etnografia Muzeo de Torun", kaj ĉefe rolis s-ino Teresa Nemere.

La Renkontiĝo festis sian 20an datrevenon, tial do ĝi invitis nur ensemblojn gajnintajn en antaŭaj renkontiĝoj (la valencia ensemblo gajnis en 1998). Ĉefa

karakteriza trajto de la evento estis la uzo de Esperanto kiel sola laborlingvo.

Por ebligi la vojaĝon, la folkora ensemblo "Aragón" ricevis malavaran helpon de "Fundación Esperanto", kun sidejo en Zaragoza, kaj de "Grupo Esperanto de Valencia".

Krom la koncertoj en Torun, la ensemblo prezentiĝis ankaŭ en la urbo Poprad (Slovakio), dufoje, kaj en kelkaj polaj urboj. En Malbork, okaze de la lokaj festoj, kiel ĉefa allogaĵo, kaj en la inaŭguro de nova ZEO, nome belega monumento al Esperanto, kaj en la urbo Bydgoszcz, okaze de la inaŭguro de la novaj instalaĵoj de la sidejo de Monda Turismo.

La ensemblo daŭre ricevis helpon de lokaj esperantistoj, kiuj okupiĝis pri la rezervo de la loĝado, manĝoj, kulturaj vizitoj, ktp, kiel, ekzemple, en la ĉeĥa urbo Karlovy Vary (s-no Milos Bloudek), la slovakaj Bratislava kaj Poprad (s-no Milan Zvara, Anton Zacharias, Zelimir Pehar), la polaj Toruñ, Bydgoszcz (Monda Turismo), Gdansk (Zdzislaw Blazejczyk), Gdynia (Daniela Emler) kaj Malbork (s-no Eduardo Kozyra , s-no Mandrak, kaj tuta loka esperantistaro).

La ensemblo, kiu vojaĝis buse tra Eŭropo (7000 kilometrojn), vere sukcesis. Kie ĝi koncertis, tie la publiko insiste petis ripeton de la kantoj kaj dancoj. Fermis ĉiun koncerton la kanto "Valencia" en hispana lingvo kaj en Esperanto, kun Luis Antonio Novella kiel solisto. Same sukcesis la dancistaro, gvidata de Mercedes Rubio, kaj de la muzikistaro, sub la gvido de José Perez Arnal.

La ensemblo ricevis amason da invitoj por estonte viziti multajn aliajn urbojn de Eŭropo, kaj la ensemblanoj mem, el kiuj du jam lernis antaŭe la lingvon en la Fakultato pri Filologio de la Universitato de Valencia, decidis por la venonta lernojaro aliĝi al la kurso de Esperanto.

Augusto Casquero

* En sia programo "Esperanto ekspreso", Pola Radio disaŭdigis la salutvortojn de Augusto Casquero okaze de la inauguro de monumento al Zamenhof en la pola urbo Malbork.

*Darío Rodríguez*

## Internaciaj kunsidoj... en via hejmo!

Jam oni povas internacie laŭtvoĉe paroli en Esperanto. La retpaĝo de "genteIRC" malfermis babilejon en Interreto, per kiu oni povas jen parole jen tajpe facile interrilati kun samideanoj de la tuta mondo uzante nur la propran komputilon.

Ne necesas speciala programo, nur la nepra sonkarto kun konektita mikrofono kaj laŭtparoliloj.

Mi sugestas al vi, viziti la retpaĝojn de "genteIRC" por kontroli kiel ĝi funkcias. Jen la adreso:

—http://www.genteIRC.com—

La nomo de la E-babilejo estas AMIKEJO.

*Francisco J. Dávila Dorta*



EUROPA-PARLAMENTET
EUROPÄISCHES PARLAMENT
ΕΥΡΩΠΑΪΚΟ ΚΟΙΝΟΒΟΥΛΙΟ
EUROPEAN PARLIAMENT
PARLAMENTO EUROPEO
PARLEMENT EUROPEEN
PARLAMENTO EUROPEO
EUROPEES PARLEMENT
PARLAMENTO EUROPEU
EUROOPAN PARLAMENTTI
EUROPAPARLAMENTET

# Ĉe la Parlamento

La 30an de junio 2000, la nombro de Eŭroparlamentanoj, kiuj diversgrade opinias ke Esperanto povus iel helpi por plifaciligi kaj plirapidigi dialogon en Eŭropa Unio, en reciproka respekto de la lingvo, de la kulturo, de la digneco de ĉiuj, apud la aliaj lingvoj, estas 89 (14,21%).

Laŭ landoj estas: Irlando (12/15, 80,00%), Belgio (16/25, 64,00%), Danio (4/16, 25,00%), Britio (15/87, 17,24%), Francio (13/87, 14,94%), Hispanio (9/64, 14,06%), Finnio (2/16, 12,50%), Aŭstrio (2/21, 9,52%), Svedio (2/22, 9,09%), Italio (6/87, 6,89%), Germanio (5/99, 5,05%), Grekio (1/25, 4,00%), Portugalio (1/25, 4,00%), Nederlando (1/31, 3,22%), Luksemburgio (0/6, 0,00%).

9 el la 64 hispanaj eŭroparlamentanoj favoras Esperanton. Jen la nomoj:

Ferrer i Casals Concepció, PPE/DE.
Garriga Polledo Salvador, PPE/DE.
Gasóliba i Bíhm Carles Alfred, ELDR.
Gil-Robles ,José María, PPE/DE.
Izquierdo Rojo María, PSE.
Medina Ortega Manuel, PSE.
Sauquillo, Francisca, PSE.
Terrón i Cusí, Anna, PSE.
Zabell Lucas Teresa, PPE/DE.

La mallongigoj respondas al: ELDR= Eŭropaj Liberaluloj Demokrataj kaj Reformantaj: PSE= Eŭropaj Socialistoj; PPE/DE= Eŭropa Popol-Partio kaj Eŭropaj Demokratoj; La cifero 9 el 64 signifas favoron de 14,06 el cento. Por interesa komparo vidu Boletín 340.

*Germakin Pirlot*

# 73a SAT-Kongreso

Inter la 15a kaj 23a de junio 2000 okazis en Moskvo la 73a Kongreso de SAT (Sennacia Asocio Tutmonda).

La kongreson partoprenis entute 125 personoj. Krom la laborkunsidoj (entute 5) la gekongresanoj povis ĝui diversajn tre kvalitajn prelegojn, kulturajn programerojn, ekskursojn, kaj sperti jam tradicie konatan kamaradecan kaj familiecan etoson.

Dum siaj seriozaj laboroj, en kiuj partoprenis ĉiuj gekongresanoj, la kongreso preparis ĝeneralan deklaracion kaj gvidrezolucion por interna uzo.

El ret-info

# KAFE

Kultura Arta Festivalo de Esperanto, okazis de la 5a ĝis la 10a de julio, kun 21 spektakloj, 5 atelieroj kaj multaj aliaj aktivaĵoj por 250 partoprenantoj. Nu, vera sukceso.



Unu el la pintaj momentoj estis ja la malkovro de Kore, kiu koncertis antaŭ la publiko unuafoje. Kia nivelo! Profesia spektaklo! Kris havas ege belan voĉon kaj la muzika akompanoo optimumas. La nova formulo de JoMo kaj Liberecanoj kreigis vere eksplodan etoson ĉar antaŭ multaj hispanoj ili prezentis kantojn de la hispana revolucio.



Aliaj malkovroj estis Kaj Tiel Plu. Belegis ĝia koncerto el kataluna kaj okcitana popolmuziko laŭ mezepoka muzikstilo. Esperanto Desperado, la bando de Kim kaj Amir, kiu prezentas etnan rokmuzikon kun skaaj kaj rumbaj influoj, do jen tre dancebla muzikstilo. Dolĉamar, juna bando el finnlando, kiu faras tre aktualan muzikon inter hiphopo teknno kaj roko.

Pliaj konataj artistoj donis ekzemplajn koncertojn, inter ili ni citu Ĵomart Kaj



Nataŝa, JoMo sen la liberecanoj, Persone, Kajto (kiu ankaŭ koncertis por la infanoj), Jacques Yvart, nia konata samlandano Solotronik, Kim, la Kompanoj, Jerzy Fornal, Ĵak Le Puil, Les Bombes de Oaï, F-ino Emily Barlaston, La Krizalido, ktp...



La partoprenantoj en la korus-ateliero prezentis koncerteton en la lastan tagon. En aliaj atelieroj oni abunde laboris pri plej diversaj temoj: jogo, popoldancoj, verkado (kun Liven Dek kaj Abel Montagut) kaj ĉalaparto (Rafa Blanco).



Oni ne forgesu la aliajn erojn, kiuj estis la infana programo, literaturaj forumoj, libroservo, servoj por rapida manĝo kun trinkbudo kaj ekskursoj al urbocentro, al Kosmo-muzeo kaj al Albi. La favora vetero ege helpis la sukcesan disvolviĝon de la festivalo. Kaj vi? ĉu vi maltrafis ĉion ĉi?



*R.C;F.M;M.Z*




# 85a UK
# Rezolucio

La 85a Universala Kongreso de Esperanto, kunveninta en Tel-Avivo, Israelo, de la 25a de julio ĝis la 1a de aŭgusto 2000, kun 1212 partoprenantoj el 61 landoj,

DEKLARAS ke:

— en tiu ĉi Internacia Jaro por la Kulturo de Paco necesas refortigi la tutmondajn klopodojn trovi komunajn kulturajn valorojn kaj interkonsentojn cele al konstruo de tutmonda Kulturo de Paco;

— tio ĉi okazos nur se en la mensoj de la homoj ni komune kreos tiun kulturon, ĉar daŭra paco estas konstruata nur en la mensoj de homoj;

— en tiu ĉi mondoparto, la Meza Oriento, kie kunvenas malsamaj kulturoj, kaj kie riĉa historio samtempe unuigas kaj dividas homojn, apartaj streboj estas bezonataj kaj jam farataj en serĉado de paco;

— kondiĉo por paco estas la respekto de ĉiuj homaj rajtoj kaj fundamentaj liberecoj inkluzive de la lingvaj rajtoj de ĉiuj konfliktantaj grupoj;

— la internacia lingvo Esperanto estas kreita ĝuste por ebligi kulturon de paco inter malsamaj gentoj, kaj ke pro sia neŭtraleco kaj pro sia rekono de la digno kaj samvaloro de ĉiuj hom-grupoj ĝi donas grundon, sur kiu valoroj de paco povas flori;

ALVOKAS ĉiujn internaciajn organizaĵojn, ĉiujn registarojn kaj ĉiujn homojn:

— ke ili decide ekrespektu la lingvajn homajn rajtojn cele al lingva kaj kultura demokratio en la mondo kaj subtenu la klopodojn de la Esperanto-movado en tiu kampo;

DEKLARAS la pretecon de la Esperanto-movado:

— plulabori por kulturo de paco en la mondo surbaze de reciproka respekto kaj egalvaloro de ĉiuj gentoj kaj hom-grupoj grandaj kaj malgrandaj;

— agi ĉie, kie paco estas minacata, apoge al la ceteraj klopodoj de la internacia komunumo;

ESPRIMAS

— sian admiron kaj subtenon al la klopodoj de la homoj de ĉi tiu regiono, kiuj laboras por krei la eblecon de kulturo de paco, kiu estas antaŭkondiĉo por alveni al situacio de paca kunvivado kaj de respekto ambaŭflanka de la homaj rajtoj kaj de la fundamentaj liberecoj por ĉiuj.



*Dum tuta semajno ĉi-somere Helsinko estis ne nur unu el la naŭ ĉi-jaraj kulturaj ĉefurboj de Eŭropo, sed la nekontestebla ĉefurbo de Esperanto-kulturo en la tuta mondo. Tie nome okazis la sepa Kultura Esperanto-Festivalo, aranĝo plene dediĉita al kulturo kreita kaj kreata originale en Esperanto.*








## Esplanado resonis Esperante

Se iu loko estas kvazaŭ la somera koro de Helsinko, tio devas esti la Esplanado, la verda kaj tradici-saturita promenejo inter la Sveda Teatro kaj la Bazara placo.

Kaj ĝuste tie, sur la estrado rekte antaŭ la fama Kapela restoracio kaj je nur ŝtonjeta distanco de la ne malpli fama figuro de Havis Amanda, unu fruan julian vesperon triumfe dissonegis kantrefrenoj esperantaj.

Dum preskaŭ tri horoj la promenantoj kaj la terasaj biertrinkantoj en la ĉiam vigle vizitata parko povis ĝui sinsekvajn koncertojn de ne malpli ol tri el la plej elstaraj nun aktivaj Esperanto-ensembloj: Ĵomart kaj Nataŝa, Persone kaj Dolcxamar.

Tiu koncertaro en medio publika kaj prestiĝa ja estis nur unu inter konsterna multego da programeroj dum la Kultura Esperanto-Festivalo okazinta en Helsinko inter la 17a kaj la 23a de julio.

Sed ĝi estas frapa ekzemplo de la organiza lerto, iniciatemo kaj aŭdaco, kiuj karakterizis tiun ĉi unuan Finnlandan KEF-on kaj faris el ĝi la senkompare plej varian kaj sukcesan el ĉiuj sep okazintaj ĝis nun.

Kiel festivalejo servis la urbofinancata internacia kulturcentro Caisa tute centre de Helsinko. La celo de la centro estas servi kiel multkultura edukejo kaj renkontejo por homoj Finnlandaj kaj alioriginaj. Kunlaborante kun Caisa la KEF-organizantoj do trovis ne nur bonegan prezentejon sed ankaŭ valoran kaj samspiritan partneron.

Preskaŭa ducento da plentempaj festivalpartoprenantoj el sume 23 landoj ĝuis programon tiel kvante kaj kvalite abundan, ke ĝi serioze defiis la absorbokapablon de eĉ plej ambicia kulturfanatikulo.

Dum ĉiu el la sep festivalaj tagoj okazis pluraj artistaj prezentoj diversĝenraj. Krom tio la festivalanoj povis elekti inter kapturniga nombro de seminarioj kaj prelegoj literatur- kaj kulturtemaj, aŭ mem ekzerci siajn kapablojn en





laborgrupoj pri teatro, verkado, komiksdesegnado, kantado, dancado aŭ rolludado.

Kadre de la muzika programo ni revidis plurajn malnovajn KEF-konatojn. La kantduopo Ĵomart kaj Nataŝa (Svedio) ĉi-foje levis sian karakterizan kombinon de melodia raveco kaj elektre intima publikkontakto al ankoraŭ pli alta nivelo de rafino, dum la veterana rokbando Persone (Svedio) malavare demonstris la vaston de sia gamo, prezentante eĉ du tute malsamajn plenformatajn koncertojn dum la semajno — unu akustikan kaj unu amplifilan — ambaŭ kun pluraj novaj kantoj.



La Dana-Bosnia-Pola bando Esperanto Desperado revenis en nova konsisto kaj teksis riĉe densan sontapiŝon de etno-roko onde ritma kaj nerezisteble danciga. Kaj post plurjara foresto reaperis Juhani Haavisto (Finnlando/Svedio), iama klavaristo de Amplifiki, nun debutanta kiel solartisto kaj evidente tuj trafanta en la korojn de la publiko per siaj memkomponitaj kantaĵoj 1970-jarecaj.

Sed surpodiiĝis ankaŭ pluraj muzikaj talentoj neniam antaŭe prezentitaj KEF-kuntekste. Miĥail Povorin (Rusio) estas en sia hejmlando jam de longe alte taksata kiel kantverkisto. Nun ankaŭ la KEF-publiko havis ŝancon frandi la fajne nuancitan sentemon fluantan malantaŭ lia simpatie modesta surpodia teniĝo.

La kantisto Paŝa Korotenko (Ukrainio) akompanis sin per gitaro kaj impresis per voĉa ekvilibrismo kaj sursceneja karismo. Sola manko, ja korektebla, estis malklara artikulacio, kiu malhelpis plenan aprezon de la tekstoj.

Sed la ĉiusence plej eksploda KEF-debuto sendube estis tiu de Dolcxamar (jes, ĝi skribiĝas ĝuste tiel!) —la unua tutfinnlanda rokbando Esperanta. La kvaropo formas tute novan kaj novstilan konstelacion sur nia muzika firmamento, sed rapide ascendontan— tion ne eblas pridubi post la entuziasmega publika reago al la bonhumore aplomba sinprezento de la bando.



Neniu antaŭa KEF donis tiom da atento al nia originala beletro, kaj la eksterordinara abundo kaj kvalito de la literaturprogramo grandparte dankeblas al la klopodoj de kvar hispanoj — Jorge Camacho, Miguel Fernández, Liven Dek kaj Antonio Valén — kaj unu portugalo — Gonçalo Neves.

Temas pri kvin sesonoj de la tiel nomata Ibera skolo, la verŝajne plej fekunda kaj plurtalenta aktivularo en la nuntempa Esperanto-literaturo, de jaroj vigle kaj kvalite aganta sur la kampoj poezia, fikcia, esea, kritika, polemika, redakta, pedagogia kaj ankoraŭ pliaj.



neologismoj kaj organizis spirhaltige belan vesperan deklamprogramon dediĉitan al la esperanta ampoezio. Inter alie!

Sed la Esperanto-literaturo daŭre nutras sin ankaŭ per Nordiaj radikoj. Tion pruvis la sinprezentoj de du nun aktivaj verkistinoj Finnlanddevenaj — la poeto Anja Karkiainen kaj la plurfaceta aŭtorino kaj movada aktivulo Sabira Ståhlberg.

Temas pri kvin sesonoj de la tiel nomata Ibera skolo, la verŝajne plej fekunda kaj plurtalenta aktivularo en la nuntempa Esperanto-literaturo, de jaroj vigle kaj kvalite aganta sur la kampoj poezia, fikcia, esea, kritika, polemika, redakta, pedagogia kaj ankoraŭ pliaj.



Ilia grupa partopreno en Helsinko fakte estis okazo unika — onidire ĝis nun neniam renkonteblis same multe da ili samtempe ekster Iberio. Al la festivalanoj ĝi alportis profitan okazon kleriĝi kaj inspiriĝi.

Per longa vico de prelegoj kaj seminarioj la kvin Iberoj ne nur ebligis al ni konatiĝon kun ili mem kaj la diversaj facetoj de sia propra literatura agado. Ne, ili ankaŭ prezentis leginstigajn enkondukojn al la verkaroj de pluraj aliaj nuntempaj aŭtoroj esperantaj (ekz. Mauro Nervi kaj Mau Zifu), gvidis stimulajn diskutojn pri temoj kiel la naturo de poezio, la kriterioj de serioza literaturkritiko aŭ la verstekniko de Kalocsay, analizis esperantan roklirikon, kundebatis la neceson aŭ neneceson de literaturaj



Krome la KEF-aj lumĵetiloj ĉi-foje trafis eĉ nian grafikan literaturon — en la ĉefa salono pendis la supozeble unua ekspozicio iam ajn dediĉita al la originala Esperanta komiksarto. Per ampleksa kolekto de originaloj tie prezentiĝis tri nuntempe aktivaj desegnistoj: Niko Vološin (Ukrainio), kies karikaturojn ni okcidentanoj ĉefe konas el Rok' Gazet', Martin Weichert (Svedio), kiu sola en Esperantujo kultivas la konatan ĝenron de unustriaj serĉkomiksoj kun fiksa rolantaro, kaj Arnau Torras Tutsaus (Katalunio), la grafike brila kaj teme malpudora



"subgrunda" satiristo de Esperantujo.

Aliajn aspektojn de la Esperanto-kulturo prilumis prelego de Vladimir Trifonĉovski (Bulgario) pri la nialingva teatro, kaj la duparta kaj riĉe sonilustrita superrigardo, kiun donis Flo Martorell (Francio) pri la historio de Esperanto-muziko.




El la kutimaj kampoj de originala Esperanto-kulturo ŝajne nur unu estis malpli ol riĉe reprezentita dum KEF 2000, nome la teatro. Por ŝtopi tiun breĉon, brave elpaŝis du porokaze formitaj amatoraj grupoj.



Unu konsistis el la ĉiam pretaj Iberskolanoj, kiuj sub la nomo "Ibere Libere" prezentis burleske satiran skeĉon verkitan de Gonçalo Neves.

La alian, "Variantoj", formis kvin junaj komencantinoj el Helsinko, kiuj kuraĝe entreprenis surscenigon de la primovada satiraĵo "Gastamo" de Spomenka Ŝtimec. La foje ankoraŭ stumblan lingvoregon de la aktorinoj kompensis lerte humura mimiko.



Dum la festivalo prezentiĝis ankaŭ unu vere ambicia teatra projekto, tamen ekster la strikta kadro de originale kreita Esperanto-kulturo. Temis pri la tradukita dramo "Frambodeklivo" de la Finnlanda verkistino Stina Katchadourian, kiu rapide sed kortuŝe skizas la mallongan vivopadon de la avangarda kaj nur postmorte aprezata svedlingva Finnlanda poetino Edith Södergran (1892—1923).

La rolon de la poetino ludis Sabira Ståhlberg, kiu mem esperantigis ne nur la nacilingve furorintan teatraĵon sed ankaŭ jam pli frue plenan kolekton de Södergran-poemoj. Helpe de sia kunaktorino Hanna Hjelt ŝi prezentis al ni kunsentindan portreton de tiu vasta animo kaptita en cirkonstancoj sufoke malfavoraj.



Hipnotige atentokapta estis ankaŭ la dancospektaklo "La hundo lumas", senvorta sed humure poezia, kiun prezentis Kim J. Henriksen (Danio).

Kadre de la festivalo okazis ankaŭ duontaga seminario titolita "Dudek jarojn post Raŭmo — ĉu ni diras ion kulture originalan kaj internacie valoran?".





La KEF en Helsinko do evidente vere elstaris per sia programo kultura, nepre la ĉefa afero.

Sed aldoniĝis ankoraŭ multo pli, kvazaŭ bonifike. Menciiĝu nur preterpase sed apreze la atenta prizorgo de la ĉeestantaj infanoj (kiujn oni eĉ regalis per propra altkvalita kulturprogramo), la bone provizita libroservo, la serio de miniprelegoj pri aspektoj de Finnlanda literaturo kaj kulturo, la ambicie preparita ĉiunokta diskejo sub verva gvido de la diskĵokeo kaj rim-mitraleto Gunnar Fischer (Germanio), kaj la duontagaj ekskursoj al ĉelaga saŭnejo kaj la historia fortikaĵo Suomenlinna (svede Sveaborg).

Originala Esperanto-kulturo ja laŭdifine tuŝas precipe

Esperanto-parolantojn. Tiu ĉi KEF tamen sukcesis en eksterordinare alta grado penetri la konscion de ankaŭ la ne-esperantista Finnlanda publiko.

Artikoloj kaj intervjuoj aperis en trideko da diversaj gazetoj finn- kaj svedlingvaj, inter kiuj troviĝis la du ĉefaj ĵurnaloj Helsingin Sanomat kaj Hufvudstadsbladet. Aranĝantoj kaj artistoj intervjuiĝis ankaŭ en multaj televidaj kaj radiaj programoj lokaj kaj tutlandaj, el kiuj pluraj estis direktitaj speciale al junulara publiko.

El kvanta vidpunkto la suma raportado laŭtakse eĉ superis tiun de ekz. la UK en Tampereo en 1995. Sed ankoraŭ pli grava estas la fakto, ke nia lingvokomunumo nun





ne nur rememorigis la eksteran mondon pri sia ekzisto, sed fakte montriĝis per siaj flankoj plej facile alireblaj kaj freŝimpresaj. Rokmuzika kantaĵo, por doni ekzemplon, ja estas tuja kaj tre konvinka pruvo pri la vivanteco de Esperanto — eĉ por tiu, kiu ne komprenas la vortojn.

Resume: La Kultura Esperanto-Festivalo 2000 en Helsinko estis la ĉiurilate pleja ĝis nun. Kaj tion ni dankas al longdaŭraj, skrupulaj kaj amaj klopodoj de la ĉeforganizantino Riitta Hämäläinen kaj granda nombro de aliaj Finnlandaj esperantistoj.

La Finnlanda KEF-teamo transprenis stafete la zorgon pri aranĝo unika en Esperantujo kaj levis ĝin al nivelo tute nova. Ilia festivalo fariĝos la modelo kaj normo, kiun ontaj KEF-organizantoj aspiros atingi.

Imagu elementlernejan instruistinon, kiun oni post jaroj invitas al la abiturienta festeno de iama, aparte favorata unuaklasano ŝia. Imagu ŝiajn sentojn, kiam ŝi konstatas, ke el la aminda infano kreskis juna homo bela kaj talenta.

Ion tre similan nome sentis en Helsinko tiuj el ni svedoj, kiuj iam mem kunorganizis KEF-ojn — trakuris nin mikso de ĝojo, fiero, humilo kaj diskreta sed dolĉe larmopreta sentimentaleco.

KEF plenkreskiĝis!

*Per Aarne Fritzon*





# Fotoj

Fotoj de Sakari Kauppinen kaj Jorma Kasanen: 1) Miguel Fernández, 2) M. Fernández en la teatra prezento de la ibera grupo, 3) Publiko sur Esplanado, 4) Liven Dek, 5) Juhani Haavisto, 6) Desperado, 7) Antonio Valén, 8) Ana Manero kaj Jorge Camacho, 9) Dolcxamar, 10) Riitta Hämäläinen 11) Anja Karkiainien, 12) Ĵomart kaj Nataŝa, 13) Miguel kaj Riitta, 14) Feliĉaj vizaĝoj, 15) Gonçalo Neves, 16) Jouko Lindsted, 17) Persone koncertas, 18) Sten Johansson, 19) J. Camacho, 20) Floreal Martorell de Eurokka, 21) La redaktoro de Boletín.




# Tradukistoj serĉataj

La projekto ID (Indiĝenaj Dialogoj) serĉas denaskajn tradukistojn de jenaj lingvoj: angla, franca, hispana, rusa, kiuj kapablas traduki tekston el esperanto al unu el tiuj lingvoj kaj / aŭ ankaŭ el ili al E-o. La nivelo de la tradukoj devas esti bonega, ja ili aperos en la retpaĝaro de la projekto: www.idnetwork.nl.

La laboron oni povas fari kiel subtenan agadon por la projekto, sed eblas ricevi pagon (4 EUR popaĝe) tra via UEA-konto. Laborŝarĝo laŭ viaj ebloj, limdatoj laŭ interkonsento. Necesas reta aliro kaj "word" (aŭ simila) tekstoprilaborilo. Interesatoj turnu sin al: Katalin Smideliusz (smidik@fsd.bdtf.hu)

# Nova E-sidejo en Torino

La 17an de majo 2000 antaŭ notario en Torino la prezidanto de Itala E-Federacio akceptis la donacon de loĝejo en Torino. La donacinto estas historia membro de la E-Centro de Torino, S-ino Ada Bessone.

La nova sidejo estos organizita kun oficejo kun ĉiu rimedo por ajna E-agadoj (inkluzive de komputilo kun reta aliro) kaj salono por konferencoj kaj renkontiĝoj (20-25 personoj). Ekzistas krome perfekte ekipita kuirejo. La adreso: c.so Unione Sovietica 215, IT-10134 Torino, Italio.

*(ret-info)*

# Astronomie

Nia kara esperanta astronomo David Galadi-Enríquez, kiu tiel alloge prelegis okaze de la kongresoj en Castellón kaj San Sebastián de los Reyes, estas unu el la kunaŭtoroj de nova libro pri astronomio ĵus publikigita. Jen la informo de "Amik" aperinta en soc.culture.esperanto:

Antaŭ nelonge fondinta Astronomia E-Klubo eldonis sian unuan libron, kiu laŭplane devos esti ĉiu-jara. Tio estas "Astronomia Almanako 2000". La libro enhavas diversajn artikolojn, kiuj popularforme rakontas pri "Moderna Astrofiziko", "Aliaj mondoj: la malkovro de planedoj ekster la Sunsistemo", "Ĉu vi iam aŭdis pri kvazaŭsatelitoj?", "Komentoj pri stelevoluo" ktp. Inter materialoj "Enkonduka Astronomia Kurso por laikoj", detala sezona priskribo de la norda ĉielo kun bildoj, skiza prezento de kalendaro kaj mem detala Astronomia kalendaro por la dua duono de jaro 2000. La materialo kunhavas bildojn kaj sendube estos interesa por ĉiu , kiu interesiĝas pri Astronomio kaj Astrofiziko. La tekstoj estis verkitaj de klubanoj, inter kiuj Amri Wandel (Israelo), David Galadi-Enríquez (Hispanio), Helio J. Rocha-Pinto (Brazilo), Patrick Lagrange




(Francio ) kaj aliaj. Ĉiuj aŭtoroj estas fakuloj pri la temo.

La "Astronomia Almanako" (72 paĝ., vindita, kun ilustraĵoj, AEKo, 2000) aĉeteblas kontraŭ 8 eŭroj (sen afranko) ĉe s-ro Johano Rapley, 2, rue du Stade, FR-86410, Bouresse, Francio. Retadreso: rapley@club-internet.fr

*Dario Rodríguez*

# Internacia fotokonkurso

La redakcio de "La Ondo de Esperanto" kaj Urala Esperantista Societo (UES) invitas al partopreno en la Internacia Fotokonkurso. La konkurso ne estas ligita al deviga temo. Rajtas partopreni ajna fotemulo per maksimume kvin fotoj (koloraj, blank-nigraj, vertikalaj, horizontalaj, ktp. La minimuma formato estas 10 x 15 cm.

La konkursaj fotoj devas esti senditaj unuekzemplere al "La Ondo de Esperanto" (RU-620077 Jekaterinburg-77, ab. ja. 67, Ruslando). La fotoj devas atingi la indikitan adreson antaŭ la 15a de decembro 2000.

La konkursaĵoj estu subskribitaj per pseŭdonimo. En aparta koverto kunsendata devas esti enmetita slipo kun la pseŭdonimo, aŭtenta nomo kaj poŝta adreso de la aŭtoro. Oni povas aldoni titolon aŭ klarigan noton al la fotoj, sed tio ne estas deviga.

En la konkurso ne rajtas partopreni fotoj, kiuj jam estis premiitaj aŭ publikigitaj. Estos tri premioj. La unua konsisto el du minimumaj ruslandaj monataj salajroj kaj abono al "La Ondo de Esperanto".

# Nia Kastelo

La unua etaĝo de la kastelo Grésillon oficiale loĝeblas, danke al la financa helpo de multaj mondonacintoj kaj al la senlaca laboro de skipo de bonvolemuloj. Tiel, en la pasinta somero 2000, jam eblis loĝi en la kastelo.

Tamen, oni devas prepari nun la duan etaĝon por ke la esperanta movado plene rehavu tiun mirindan spacon de Esperantujo. Por realigi la projekton nepras plena reaktivigo de la Kulturdomo.

Cetere iu ajn povas finance subteni la entreprenitan agadon per ĝiro al la UEA-konto de ka kastelo: "gres-y".

*Henri Boyet*

# UEA

## Eŭropa jaro de lingvoj

Konsilio de Eŭropo, en kiu membras preskaŭ ĉiuj landoj de Eŭropo kaj kiu estas konata pro sia okupiĝo pri homaj rajtoj, kaj Eŭropa Unio deklaris la jaron 2001 Eŭropa Jaro de Lingvoj.

La du eŭropaj organizaĵoj strebas progresigi instruadon de lingvoj kaj levi la konscion de la granda publiko pri la valoro de lingva plureco en Eŭropo. Krom vasta informkampanjo, uzanta specialajn simbolon kaj frapfrazojn, oni organizos amason da eventoj sur ĉiuj niveloj: tuteŭrope, plurlande, nacie kaj loke.

UEA subtenas la iniciaton de la eŭropaj organizaĵoj. La celoj de la Eŭropa Jaro de Lingvoj kongruas kun tiuj de la Esperanto-movado, al kiu ĝi donos okazon diskonigi siajn lingvopolitikajn celojn. Eĉ se la Jaro formale celas nur la lingvojn "rekonitajn de la membroŝtatoj" ĝi ja ebligos partoprenon ankaŭ de Esperanto-organizaĵoj per projektoj kongruaj al la celoj de la Jaro. Krome oni povas antaŭvidi, ke ĵurnalistoj k.a. interesitoj ne limigos sin nur al la ŝtataj lingvoj sed povos interesiĝi ankaŭ pri la situacio de Esperanto kaj la perspektivoj por ĝia pli vasta uzo en Eŭropo.

La Jaro de Lingvoj prezentas ŝancon al agado por antaŭenigi la celojn de Kampanjo 2000, t.e. plialtigi la prestiĝon de la internacia lingvo. influi la internacian vivon, kaj levi la organizan kaj idean nivelon de la Esperanto-movado. La Jaro ricevos atenton i.a. en la traktado de la kongresa temo de la Zagreba UK, "Kulturo de dialogo — Dialogo inter kulturoj" kaj en la eldona agado de UEA, t.e. revuoj kaj libroj. Landajasocioj devus atenti ĝin en siaj aranĝoj kaj eldonaĵoj, kaj klopodi kiel eble plej multe kunlabori kun ne-esperantistaj asocioj kaj fakuloj.

Por evoluigi ideojn pri la esperantista kontribuo al la Jaro, estas formiĝanta kunaganta grupo kiun kunordigas Anna Ritamäki; Dragsfja"rdsva"gen 690; FI-25700 Kimito, Finnlando.

Rete: anna.ritamaki@kolumbus.fi
Tel. +358-2-423146.

## Indiĝenaj dialogoj

Ekde 1994 la Estraro de UEA asignas Subvencion Cigno al projekto, kiu kontribuas al disvastiĝo de Esperanto en la Tria Mondo. La subvencion financas la japana esperantisto Etsuo Miyoŝi kaj ĝi valoras 4.900 EUR.

La ĉi-jaran subvencion ricevis la projekto Indiĝenaj Dialogoj, lanĉita antaŭ du jaroj kun la celo krei komunikan reton inter organizaĵoj de indiĝenaj popoloj per la uzo de interreto kaj Esperanto. Tiu ĉi komplete novspeca projekto estas ne nur unu el la plej kuraĝaj sed ankaŭ unu el la plej sukcesaj Esperanto-rilataj projektoj de multaj jaroj. Ĝi ne estas movada projekto, ĉar la disvastigo de Esperanto ne estas ĝia celo sed rimedo por realigi la celatan komunikan reton. La projekton iniciatis ges-roj Bessie

Sĉadee kaj Sylvain Lelarge el Nederlando. Kadre de ĝi okazis jam du kursoj en Nederlando kaj regionaj kursoj en Barato, Kostariko, Burkina Faso kaj Rusio (Komilando). UEA aŭspicias la projekton ekde la komenco.

# Manifesto 2000 plu

La kampanjo de Unesko por kolekti subskribojn al Manifesto 2000 ankoraŭ malproksimas de la originala celo de 100 milionoj da nomoj transdonotaj al la Ĝenerala Asembleo de UN kiel apogo de la monda civila socio por kulturo de paco kaj senperforto. Ĝis la fino de aŭgusto la subskriboj nombris 22 milionojn. Sekve Unesko alvokas streĉi la fortojn por tamen atingi la celon ankoraŭ en tiu ĉi jaro, proklamita kiel Internacia Jaro por Kulturo de Paco kaj Senperforto.

Ankaŭ UEA alvokis subskribi la Manifeston, kies Esperantan tradukon UEA eldonis kiel belan faldfolion kaj kiun ankaŭ multaj Esperanto-gazetoj jam aperigis. Eblas subskribi ankaŭ en Interreto ĉe www.uea.org/2000.html. Ĝis la 4a de septembro UEA ricevis entute 4709 subskribojn, el kiuj 3352 papere kaj 1357 rete. Por ke la nombro fariĝu multe pli granda, UEA instigas la Esperanto-organizaĵojn kaj unuopajn esperantistojn pli aktive ol ĝis nun diskonigi la Manifeston 2000 kaj kolekti subskribojn.




Tiuj kiuj ne povas subskribi la Manifeston en Interreto, povas peti de UEA la faldfolion, kiun oni kompreneble rajtas ankaŭ mem multobligi. Esperanto-gazetoj estas petataj presi la tekston de Manifesto 2000 kun kupono por sendi sian subskribon al UEA.

Ne temas pri aparta kampanjo de UEA sed pri partopreno en la ĝenerala kampanjo de Unesko. Tial esperantistoj kolektu subskribojn ne nur de aliaj esperantistoj sed de ĉiuj homoj en sia medio. Bonega okazo por tio estos la Ago-Tago la 7an de oktobro, kiam oni povos diskonigi nacilingvan tradukon de Manifesto 2000 kaj kolekti subskribojn por ĝi. Ankaŭ la ne esperantistajn subskribojn oni sendu al UEA.

# Interrete

Kompleta katalogo de libroj, diskoj, kasedoj, vidbendoj, insignoj k.a. varoj vendataj de la Libroservo de UEA estas nun konsultebla en la propra TTT de UEA "www.uea.org/katalogo". Kun 4100 titoloj la sortimento estas senkompare la plej granda en Esperantujo.

En la reta katalogo oni povas serĉi librojn laŭ kategorio, titolo, aŭtoro, tradukinto kaj traduklingvo. Ĉi katalogo estas regule aktualigata.

# IEI 70-jara

La 24an de majo 1930 Andreo Cseh kune kun gesinjoroj Isbrucker fondis la Internacian Cseh-Instituton de Esperanto en Nederlando.

Tiam la celoj de la Insituto estis vortigitaj tiel "disvastigi Esperanton pere de Cseh-metodaj kursoj, prepari taŭgajn instruantojn, helpi ilin kaj la kursarangantajn Esperantistajn organizaĵojn per la necesa instrumaterialo kaj konsilado".

La unua Direkcio estis plenumita de Andreo Cseh mem kaj de Julia Isbucker kaj ĝi havis konsilantaron konsistanta el gravaj personecoj de la tiama Esperantio, kiel Edmond Privat, Felix kaj Leono Zamenhof, ktp kaj estis samtempe starigitaj sekretariejoj en Estonio, Hungario, Latvio, Nederlando, Norvegio kaj Svedio.

La unua agado de la Instituo estis organizi Pedagogian Seminarion, kiun ĉeestis 200 personoj el 20 landoj kaj fine de ĝi la grupo karavane vojaĝis al la UK en Oksfordo.

Andreo CSEH disvastigis la metodon, kiu poste famiĝis en la E-medio per la nomo de ties iniciatinto. En la 30aj jaroj la Insituto kalkulis je aro da 300 diplomitaj Cseh-instruistoj, kiuj vojaĝadis instruante la lingvon: Julio Baghy, Lidja Zamenhof, Erika kaj Henrik Seppik, Lizzie kaj Tiberiu morariu, Carl Stop-Bowitz, kaj multaj aliaj.

En decembro de 1933 la Instituto akiris sian propran sidejon en la urbo Den Haag kaj ĝis hodiaŭ ĝi funkcias en la sama loko. La inaŭguron ĉeestis lokaj gravuloj kiel la skabeno pri instruado en Den Haag, reprezentanto de la nederlanda ministro pri instruado, ktp.

De la jaro 1952 la Instituto ŝanĝis sian nomon al Internacia Esperanto-Instituto (IEI).

Jam pasis 70 jaroj de vivo de IEI. En tiu periodo ĝi abunde agis en diversaj kampoj. Certe la Cseh-metodo estas la plej konata metodo en Esperantio. IEI nuntempe kalkulas je diplomitaj Cseh-instruistoj en 5 kontinentoj kaj ili prizorgas la vivantencon kaj aktualan uzon de la metodo.

En la eldona kampo IEI montriĝis jam de tiuj fruaj jaroj kun eldonaĵoj kiaj "La libro-konstantaĵo de fila pieco" aŭ "Karlo", "La lernolibro de la vivo", "La centa simio", "La alia pasinteco", ktp. Certe la plej gravaj estas la verko "Baza Cseh-Kurso", unuafoje eldonita en tiu frua periodo kaj kiu jam atingis sian 8an eldonon; la alia elstara aperintaĵo estas la instrufilmo kun ties apoga materialo "Mazi en Gondolando" lanĉita okaze de la centjara datreveno de Andreo CSEH en 1995. Inda je mencio estas ankaŭ la aperado de la revuo "La Praktiko", kiu dum jaroj estis la ĉefa ligilo por la Cseh-instruistoj kaj taŭga lernomaterialo por la lernantoj en la Cseh-kursoj.

IEI daŭre organizas kursojn por lerni la lingvon kaj metodikajn seminariojn por eduki novajn instruistojn en la uzado de la rekta metodo.Ĉiujare deko das Seminarioj okazas en la mondo, kie la instruistaro povas ricevi tiun fakan scion. IEI ankaŭ okazigas specialan trejnadon por gvidi Seminariojn pri Cseh-metodo.

*Atilio Orellana*

# Inter la legendo kaj la historio

La strato "*de la Cadena*" de Zaragozo, kie situas nun la sidejo de *Fundación Esperanto* kaj Frateco, estis antaŭ pluraj jarcentoj paradiza loko plena de verdo, floroj kaj arbaroj, tute apude al la rivero Huerva kiun la reĝo Johano la 1a de Aragono elektis por starigi sian vilaon. Tie li amis loĝi kiel eble plej longe.

Diras antikvaj legendoj, ke lia vilao, la mirinda kampodomo nomata *Artal de Foces*, posedis luksajn salonojn, estis ĉirkaŭata de altaj muroj kaj havis ĉe la ĉefpordo ferĉenon, kio tiuepoke signifis ke en la domo, aŭ palaco, loĝas la reĝo.

Ĉeno
cadena

Johano la 1a, reĝo de Aragono (1350—1396), ŝatis astrologion, ĉasadon kaj muzikon, kaj li protektis la poezion kaj beletron, sed speciale li helpis la medicinon. Danke al tio li sukcesis mildigi epidemion kiu terure disvastiĝis tiuepoke en aliaj regionoj. Li ne estis lerta reganto, ĉar li ne bone sciis administri siajn teritoriojn, sed li strebis ĉiam por la paco. Ja la problemoj, kiuj prezentiĝis al li, ne estis facilaj: li heredis la komplikajn problemojn de la ekspansia politiko de la Aragona Krono ĉe Mediteraneo. Tiutempe Aragono perdis plurajn gravajn teritoriojn, inter ili la belan Ateno. Li eĉ pretendis starigi en propraj teritorioj la papon de Avinjono, la aragonanon Benedikto la 13an.

Senlaca bibliofilo, johano la 1a efike helpis la progreson kaj kulturon. Dum lia naŭjara regado, lia kortego estis humanisma fokuso kie ĉiam trovis protekton trobadoroj, muzikistoj kaj sciencistoj. Elmontro de tiu politiko kaj agado estis la sukcesa restarigo de la Floraj Ludoj en 1393.

Kiam forpasis la reĝo kaj malaperis la belega kampodomo *Artal de Foces*, la kokon okupis dometoj kiuj baldaŭ formis unu el la Zaragozaj kvartaloj. Tamen la popolo neniam forgesis la ferĉenon de la reĝa vilao kaj daŭre, ĝis la nuntempo, nomas la lokon "de la Cadena" (de la ferĉeno).

Sur tiu loko parfumita de kultura etoso, nun ĉe la urbocentro, situas la strato kie trovis sian propran sidejon *Fundación Esperanto* kaj Frateco. La dioj volu ke Esperanto trovu en tiu iama paradizejo de kulturo, apud rivero Huerva, la inspiron kiun ni de longe sopiras kaj nepre bezonas.

*Antaonio Marco Botella*

**Atentu!**

La eldonejo Iltis (B.P. 19; F-84340 Malaucène) festos la 80-jariĝon de Fernando de Diego per fest-libro, kaj ĝi invitas la samideanojn kun aparta rilato al la omaĝato enskribiĝi en la Tabula Gratulatoria.



# La bambo



Por dancadi la bambon
Por dancadi la bambon
necesas jeno: kulereto da ĉarmo,
kulereto da ĉarmo kun petolemo.
Al la supro, la supro...
Al la supro, la supro,
alvenos mi,
kaj fariĝos maristo,
kaj fariĝos maristo
se volas vi.
se volas vi.
se volas vi.

Bambo, bambo...

Por atingi ĉielon,
Por atingi ĉielon,
necesas lerto, kune kun ŝtuparego,
kune kun ŝtuparego kun suplemento.
Al la supro, la supro...
Al la supro, la supro,
alvenos mi,
kaj fariĝos maristo,
kaj fariĝos maristo
se volas vi.
se volas vi.
se volas vi.

Bambo, bambo...

Hejme ĉiuj min taksas
Hejme ĉiuj min taksas
naiva viro, ĉar mi vere galantas
ĉar mi vere galantas al junulinoj.
Al la supro, la supro...
Al la supro, la supro,
alvenos mi,
kaj fariĝos maristo,
kaj fariĝos maristo
se volas vi.
se volas vi.
se volas vi.

Se vi plu, se vi plu piruetos,
la ĉapelon mi demetos kaj surmetos.

Trad: M. Zocato







# Kolekto 2000: plenumita misio

Kiam en 1998 estis lanĉita la projekto Kolekto 2000, kadre de Kampanjo 2000, neniu esperis tioman sukceson. La celo estis trafita kaj plenumita pli frue ol antaŭvidite ne nur pro la kvalita kaj serioza akurateco en la laboro de ĉiuj artistoj kaj bandoj kiuj partoprenis en la kolekto, sed ankaŭ danke al ĉiuj personoj kiuj aktive kunlaboradis. Gravas ankaŭ substreki la subtenon de FAME fondaĵo. La sperto estis tute riĉoplena por ĉiuj partoprenantoj sen escepte kaj espereble la rezulto alportas grandan plezuron al la ŝatantoj de e-muziko.

Ĉi enkondukaj vortoj anoncas aperon de la du lastaj diskoj metante finon al la Kolekto 2000. Ambaŭ diskoj prezentas tute novajn bandojn, neniam antaŭe eldonitajn en Esperantujo.

— La 9a disko de la kolekto, Kia viv', enhavas 7 titolojn de la franca varietea rok-grupa bando KORE, kies kantisto, Kris Spitzer esperantistiĝis antaŭ pli ol unu jaro. La tekstoj de la kantoj prezentas ekstremajn ĉiutagajn vivproblemojn (Aidoso, frenezo, danĝera stirado, morto, amo, surstrata vivo, pasio, disiĝoj, ktp...).

— La 10a kaj lasta disko, Lingvo Intermonda, prezentas 9 titolojn de la finna-brita ummuzika bando DOLCXAMAR el Helsinki. Vi malkovros muzikojn umantajn inter repo/hiphopo kaj ekstertera tekno-roko. Miriga kosmoŝipa vojaĝo tra la tero per intermonda lingvo: buku viajn savzonojn kaj bonŝancan vojaĝon...!

Ĉu vi pretas por la iro al Dolcxamar?

Ambaŭ diskoj disponeblas ĉe la kutimaj libroservoj aŭ rekte ĉe Vinilkosmo, po 12,05 Eŭroj + 3,05 Eŭroj por la sendokostoj.

Mendoj de diskoj, Rok-gazet'-abonoj, ktp. adresu al: "Esperanto-Muzik-Prod."; FR-31450 Donneville; Francio; Tel: +33 (0)5-61-81-95-65;






# Sferoj 8

*Tiam mi vidis la Aleph-on. Ĝi estis eta muara sfero, preskaŭ neelteneble brilega. Tiu Sfero estas la loko, kie kunestas sen konfuzo ĉiuj lokoj de l' Universo, vidataj laŭ ĉiuj anguloj.* Kaj al l' admirinda Borges, mi devas aldoni, ke mian Sferon, la Okan, mi ne trovis en la subtera etaĝo ĉe iu freneza poeto, sed inter la paĝoj de libro.

Sur la faco de la Oka Sfero, mi spektis la infanan Dion, kiu ludas per sia Kreo kaj fiaskas. Mi estis la gapulo de la Marsa plano detrui la Teron per la Arĥimeda Principo. Komprenis mi la absurdan kialon de du Tutmondaj Religiaj Militoj, antaŭ ol sopiri dankon al la sorĉistinoj, kiuj savis nian planedon de ekstertera invado. Tiumomente mi komprenis, ke la Sfero montras ne nur la Onton, sed ĉiujn eblajn kaj neeblajn ontojn. Kaj fulme ekstaris la bildo de niaj kreaĵoj, nin detruintaj kaj ĉu kompatantaj, ĉu forgesintaj. Estonteco povus esti tempo de ununura penso, regata de iu *Computer Universal System*, hukslejeska socio de estaĵoj A-klasaj, B-klasaj, C-klasaj... Malkrovris mi, ke eĉ se jarmiloj pasintaj, eĉ pri la lingvo la homaro ne atingus kunsenton. Mi akompanis la spacsoldaton en lia kruda kontrolo de la satkruelo, ebria senkoro, de nia specio: Kian trouzon de perforto ni kapablus, montris al mi la viola sango de krevintaj estaĵetoj inter la sovaĝaj ungegoj de la homa besto.

Jam dekomence mi devis respondi la demandon "*Kie la limoj de l' realo?*". Ĉu mi estis leganta, ĉu legata? Ĉu tio okazis, ĉu ne okazis? Ĉu nia mondo eksplodis sub la atombomboj dum la Malvarma Milito? Mi troviĝis ene de la kosmo ĉu kaj us.

La lasta sfera bildo kiu ŝokis min demande, estis la figuro de la donanto de senmorteco al la homoj. Kio okazus, se nur parto de la homaro povus pluvivi ĝiseterne? Kia mizero, kiel amara rezignacio, al la lastaj pereontaj!

Post la lasta bildo, la Oka Sfero fermiĝis, gapa lasante min. Ĝi ne plu estis fenestro al aliaj mondoj, sed normala libro sur la breto. Mi jam revenis en la ordinaran mondon... ĉar ĉi estas la ordinara mondo... ĉu ne?

Christian Tricio




# Jorge Guillén

## Trad. Fernando de Diego

### GUSTO JE VIVO

Estas ĉiel' en l' aero,
ĝin oni spiras.
Mi spiras per alegrioj*,
ŝvebas feliĉa.

La feliĉo de la homoj
pli grandas ekstera, disa.
Mi feliĉas en la arboj,
en ombro, en varmo vibra.

Aventuroj? Ilin ĉasi
mi ne inklinas.
Kun la sama sun' mi havas
ligon senfinan.

Nuno! Tiel efemera
en sia kerno intima.
Donu al mia lantemo
plejan vivoguston riĉan.

Lanta koro, lantaj paŝoj
daŭre kuniraj.
La probabla gloro ĉiam,
ĉiam validas.



* alegrioj (hispane *alegrías*): popolaj kanto kaj danco andaluzaj.



# Jen aperis

Jen la listo de libroj ricevitaj jen pere de privata donaco, jen senditaj de la respektivaj eldonejoj. Ili apartenas jam al la Biblioteko Juan Régulo.

* **Ĉu si mortu tra-fike?** *Priseksa kaj prikrima fantaziaĵo* (1982). Johán Balano. Vieno: Internacia E-Muzeo, 2000 (2a eld.). 74 p. ISBN 3 901452 18 8. 23cm. Kvazaŭ giganta ŝerco en kiu sekso ludas gravan rolon.

* **Fermita urbo, La** *Sciencfikcia romano.* István Nemere (1944). Vieno: Internacia E-Muzeo, 2000 (2a eld.). 158 p. ISBN 3 901752 19 6. 23 cm. Kial miloj da homoj vivas en subtera, mezepokeca kolonio?

* **Kisa malsano, La** (1991) **Tiaj ni estas, volumo 2; Noveloj** (1965). Claude Piron (1931) resp. Sándor J. Bako (1915-90). Vieno: Internacia E-Muzeo, 2000. 119 p. ISBN 3 901752 17 X. 23 cm. Dua eldono de facilstila romaneto Pirona, plus 9 noveloj de hungara verkisto.

* **Neniu ajn papilio** *Romano.* Trevor Steele (1940). Vieno: Internacia E-Muzeo, 2000. 337 p. ISBN 3 901752 21 8. 23 cm. Spertoj de juna anglo en Germanio de la 60aj jaroj. Funda reverko de *Apenaŭ papilioj en Bergen-Belsen.*

* **Surklifa** *Romano.* Serĝo Elgo (1928). Vieno: Internacia E-Muzeo, 2000. 214 p. ISBN 3 901752 16 1. 23 cm. Pri misteraj okazaĵoj en surmonta vilao.

* **Esperantaj sinonimoj** Jaan Ojalo. UEA

* **Alico en Mirlando** Lewis Carroll. Jekaterinburg: Sezonoj, 1999. 128 p. 20 cm.

* **La robaioj de Omar Kajjam** Mohammad Poorgholi Belverdi.

* **Vivo kaj morto en Wiederboren** Pluraj aŭtoroj

* **Vojoj de la saĝeco** Ubiratan Rosa

* **...Kaj la plej nobla estas amo.** Spirita Eldona Societo F. V. Lorenz.

* **La laboro de UEA por pli paca mondo** Ulrich Lins (1943). Rotterdam. UEA, 2000. 12 p. 21 cm. **E-Dokumentoj** 36E.

* **Kio estas demokratio?** *80 demandoj kaj respondoj* (1995). David Beetham, Kavin Boyle. Kun desegnaĵoj de Plantu. El la angla tradukis Geoffrey Sutton. Rotterdam. UEA 2000. 143 p. 21 cm. ISBN 92 9017 066 2. Facile komprenebla manlibro pri la esenco, celoj kaj praktika funkciado de demokratio, verkita laŭ komisio de Unesko.

*Ana Manero*

# Zamenhof venkis

Laŭ la pola taggazeto *Gazeta Wyborcza*, region-eldono en Bialistoko, de la 21a de julio, dum pluraj monatoj ĝi aranĝis en Bialistoko plebisciton por elekti la "Bialostokanon de la 20a jarcento". Partoprenis ankaŭ Radio Bialystok kaj Telewizja Bialystok. La organizantoj volis sciiĝi, kiu el la eksaj kaj nunaj anoj de la urbo plej promociis kaj famigis la urbon. Kiu el ili, per sia vivo kaj atingaĵoj plej multe aldonis al komunaj akiraĵoj de la urbo, al la akiraĵoj de kelkaj genaracioj.

Venis miloj da respondoj kaj centoj da proponoj, el kiuj la organizantoj preparis liston el la 50 plej popularaj personoj. Post kelkmonata prezentado en amaskomunikiloj. Fine jen la rezulto, laŭ la ricevitaj voĉdonoj.

1. Ludwik Zamnehof 6337 voĉoj (iniciatinto de Esperanto).

2. Jerzy Maksymiuk 3433 voĉoj (muzikisto kaj orkestrestro)

Por la esperantistoj estas je granda ĝojo, ke la iniciatinto de nia lingvo estas ĉiam plej aprecata persono en la urbo kaj regiono de sia naskiĝo.

Gratulojn Vi povas sendi al la adreso: Urzad Miejski w Bialymstoku; ul. Slonimska 1; PL-15-028 Bialystok; Polando; aŭ al: bpm@city.bialystok.pl

*Stanislaw Mandrak (ret-info)*



Depósito legal Z-334-90. Presejo: Gráficas Aurora